*Divastigante Esperanton rapide kaj malmultekoste*

# Fanzeranto

*Divulgando um esperanto rápido e de baixo custo*

Pouso Alegre - MG - Brazilo / Brasil - Septembro / setembro - 2010    Jaro 1 / Ano 1 - Numero 02 / Número 02

# Esperanto kaj la revo pri monda monero
# O esperanto e o sonho de uma moeda mundial













Paĝoj 05 kaj 06 - Páginas 05 e 06

  

## Asocio Zamenhof malfermis novan bazan kurson
## Associação Zamenhof abriu novo curso básico







Paĝo 02 - Página 02

## Kiuj estas la esperantistoj?
## Quem são os esperantistas?

Jen la opinio de la aktvulo Guilherme Roberti de la urbo Lages Sankta Katarino - Brazilo.

Eis a opinião do ativista esperantista Guilherme Roberti da cidade de Lages SC - Brasil.

Paĝo 07 - Página 07

## Ĵomart kaj Nataŝa
## Jomart e Natasha

Fama esperanta muzika duopo rakontas al Fanzeranto sian historion en la Esperanta movado.

Famosa dupla musical esperantista conta ao Fanzeranto sua história no movimento esperantista.



Karina, Nataŝa kaj Ĵomart - Foto sendita de Ĵomart

Paĝo 04 - Página 04

## Se mi estus birdeto
## Se eu fosse um passarinho

La belega poezio de la poetino Doroti Guiro Marino troviĝas en ĉi tiu numero de Fanzeranto.

A belissíma poesia da poetisa Doroti Guiro Marino se faz presente nesse número do Fanzeranto.

Paĝo 03 - Página 03

# Asocio Zamenhof malfermis novan bazan kurson
# Associação Zamenhof abriu novo curso básico

En la lasta 17-a de Julio komenciĝis en la Asocio Zamenhof nova baza kurso de Esperanto.
La kurso taŭgas al la leg-skribpovaj personoj. Surbaze de la metodo "Esperanto para principiantes" de la instruisto Aloísio Sartorato, ĝi daŭros 5 monatojn; tiu kurso estis divastigita de la loka televido de Pouso Alegre, TV Libertas.
La Asocio avertas ĉiujn interesiĝantajn, ke ankoraŭ eblas aliĝi al la kurso. La invito celas ĉiujn el la sudminasa regiono.
La Asocio Zamenhof estas neprofitodona institucio kaj ĝiaj kursoj estas senpagaj.
Venu vi ankaŭ koni la transnacian lingvon Esperanto!
Pliajn informojn:

*Asocio de Edukado kaj Kulturo Lazaro Ludoviko Zamenhof*
*Rua da Tijuca nº 51, Fundos, Centro, Pouso Alegre – MG*
*Telefono [55](35)3423-0980*
*www.asociozamenhof.50webs.com*

No último dia 17 de julho começou na Associação Zamenhof o novo curso básico de esperanto.
O curso é próprio para pessoas já alfabetizadas. Baseado no método "Esperanto para principiantes" do professor Aloísio Sartorato, ele terá a duração de 5 meses; esse curso foi divulgado pela televisão local de Pouso Alegre, TV Libertas.
A Associação avisa todos os interessados que ainda é possível se inscrever no curso. O convite é extensivo a todos da região sulmineira.
A Associação Zamenhof é uma instituição sem fins lucrativos e seus cursos são gratuitos.
Venha você também conhecer a língua transnacional esperanto!
Maiores informações:

*Associação de Educação e Cultura Lázaro Luís Zamenhof*
*Rua da Tijuca nº 51, Fundos, Centro, Pouso Alegre – MG*
*Tel.(0xx35)3423-0980*
*www.asociozamenhof.50webs.com*

**Fanzeranto**
Esperanta Divastigilo
Pouso Alegre - MG - Brasil
Caixa Postal 202 - CEP: 37550-000
fanzeranto.wordpress.com
fanzeranto@gmail.com

Direktoro/diretor: Fábio Roberto Silva - Diagramado/diagramação: Lumo Artes Empreendimentos - Revizio/revisão: Maria Antônia Sobral - Silvianópolis - MG.
Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn. Fanzeranto é um orgão independente; as opiniões de nossos colaboradores não são necessariamente as nossas.

# Se mi estus birdeto

Se mi estus birdeto,
Mi flugus ĉiam,
Ĝis atingi la infiniton.

Se mi estus birdeto,
Mi restus sur la arboj kaj
Mi trankviliĝus ĉe la floroj.

Se mi estus birdeto,
Mi promenus tra la mondo,
Ĝis kompreni la homaron.

Kaj mi dirus al la homo
Ke la sento de la vivo
Komenciĝas en la naturo.

Sed, mi estas virino
Kaj nur mia penso
Volas reĝe flugi.

***Doroti Guiro Marino***
***San Paŭlo - Brazilo***
***El la libro "Se mi estus birdeto".***
***dorotimarino@gmail.com***

# Se eu fosse um passarino

Se eu fosse um passarinho,
Voaria sempre.
Até alcançar o infinito.

Se eu fosse um passarinho,
Pousaria em árvores e
Descansaria junto às flores.

Se eu fosse um passarinho,
Voaria sobre o mundo,
Até compreender a huma-
nidade.

E eu diria ao homem
Que o sentido da vida
Começa na natureza.

Mas eu sou uma mulher
E somente o meu pensa-
mento
Pode realmente voar.

***Doroti Guiro Marino***
***São Paulo - Brasil***
***Do livro "Se eu fosse um passarinho".***
***dorotimarino@gmail.com***

# Ĵomart kaj Nataŝa - Jomart e Natasha

Saluton Brazilo!
Ni estas feliĉaj, ke la revuo Fanzeranto petis nin prezenti nin al sia legantaro. Mi estas Ĵomart kaj jen estas iom da informo pri nia muzika esperanta duopo.
Ni nomiĝas ”Ĵomart kaj Nataŝa” kaj estas muzika duopo. Ni kantas plej parte niajn proprajn kantojn, origine verkitaj en esperanto, kiujn mi priskribus kiel ”melodiajn, lirikajn kaj melankoliajn”. Nia patrolando estas Kazaĥio, sed ekde la jaro 1991 ni loĝas en Svedio/Stokholmo. Nia duopo naskiĝis antaŭ multaj jaroj, en eksa Sovetio.
En ”normala” vivo Nataŝa laboras kiel specialisto pri retpoŝtaj sistemoj kaj ankaŭ kiel projektgvidanto. Krome ŝi estas diplomita instruisto pri fiziko kaj matematiko. En la duopo Nataŝa kantas kaj foje ludas bekfluton. Nataŝa esperantiĝis en altlernejo (en Kazaĥio) kaj mi estis ŝia e-instruisto. Mi laboris en la sama altlernejo kaj gvidis kelkajn studentajn muzikgrupojn. Nataŝa kantis en unu el ili.
Mi laboras kiel instruisto de gitarludado por infanoj. Laŭ mia klereco mi estas gvidanto por amatoraj korusoj. En la duopo mi kantas kaj gitarludas. Mi ankaŭ verkas kaj komponas kantojn por nia repertuaro. Mi esperantiĝis proksimume en la jaro 1980 pere de leterkurso. Mia instruisto estis konata esperantisto Boris Kolker. Mi, fakte, estis tiam la unusola esperantisto en mia urbo. Poste mi startis esperantan kurson kaj eĉ kreis esperantistan muzikan rokgrupon. Tiun grupon eniris ankaŭ Nataŝa. Kun tempo mi komencis skribi proprajn kantojn kiujn ni (komence nur mi sola, poste duope kun Nataŝa) prezentis dum diversaj esperantaj renkontiĝoj en diversaj urboj kaj eĉ landoj.
Nataŝa kaj mi geedziĝis kaj en la jaro 1991 ni translokiĝis al Svedio. 1995 naskiĝis nia filino Karina. Nuntempe ŝi estas 14 jara. Ni neniam speciale instruis esperanton al Karina. Ni kunprenis ŝin al ĉiu esperanto-renkontiĝo kaj ŝi po-iomete, kun tempo, mem eklernis la lingvon. En nia familio ni parolas ruse kaj svede. Somere ni ofte parolas esperante, ĉar ĉiusomere ni partoprenas e-aranĝojn. Dum la lastaj jaroj Karina ankaŭ partoprenas en niaj koncertoj, kantante siajn programerojn.
Dum nia artista vivo ni havis bonŝancon koncerti dum multaj diversajn aranĝoj. Inter ili multaj UK-j, IJK-j, naciaj kongresoj, diversaj e-festivaloj, turneoj en Germanio kaj Francio. Kiel e-artistoj ni vizitis multajn landojn de Eŭropo. Ni partoprenis ankaŭ Azian E-Kongreson en Seulo.
Niaj artistaj planoj estas: kanti, kanti kaj kanti en esperanto kaj por esperantistoj. Ni kredas, ke tiemaniere ni estiĝas pli bonaj homoj kaj povas pli riĉigi kaj vian kaj nian propran vivon. Ni ankaŭ esperas, ke pere de niaj kantoj ni plibonigas la mondon… almenaŭ iomete. :-)
Dankon! Elkore salutas vin, nome de ”Ĵomart kaj Nataŝa”

*Ĵomart Amzeyev - Stokholmo - Svedio*
*Pliaj informoj ĉe: http://www.ipernity.com/jomart*
*http://www.facebook.com/jomka*

Olá Brasil!
Estamos felizes, que a revista Fanzeranto nos tenha pedido que nos apresentássemos a seus leitores. Sou Ĵomart (lê-se Jomart) e eis algumas informações sobre nossa dupla musical esperantista.
Nossa dupla musical se chama "Ĵomart kaj Nataŝa" (lê-se Jomart e Natasha). Cantamos,na maioria das vezes, nossas próprias músicas, originalmente escritas em esperanto, as quais eu classificaria como "melódicas, liricas e melancólicas". Nosso país de origem é o Casaquistão, mas desde o ano de 1991 moramos em Estocolmo, na Suécia. Nossa dupla nasceu há muitos anos, na ex União Soviética.
Na vida diária Nataŝa (lê-se Natasha) trabalha como especialista em sistemas de email e também como guia de projetos. Além disso, ela é professora diplomada em física e matemática. Na dupla, Natasha canta e algumas vezes toca flauta doce. Nataŝa tornou-se esperantista na faculdade (no Casaquistão) e fui seu professor. Eu trabalhava nessa mesma faculdade e coordenava alguns grupos musicais estudantis. Nataŝa cantava em um desses grupos.
Trabalho como professor de violão para crianças. Dentro da minha capacidade, coordeno um coral amador. Tornei-me esperantista por volta de 1980 através de um curso por correspondência. Meu professor era o famoso esperantista Boris Kolker. De fato, eu era o único esperantista da minha cidade.
Depois, iniciei um curso de esperanto e até criei um grupo de rock esperantista. Desse grupo, Nataŝa também participou. Com o tempo, comecei a escrever minhas próprias músicas que nós (a princípio apenas eu, depois em dupla com Natasha) apresentávamos em diversos encontros esperantistas nas mais variadas cidades e até países.
Nataŝa e eu nos casamos e, em 1991, nos mudamos para a Suécia. Em 1995 nasceu nossa filha Karina. Atualmente ela está com 14 anos. Nunca ensinamos especificamente o esperanto a Karina. Nós a levávamos a todo encontro de esperanto, e pouco a pouco com o tempo ela aprendeu a língua sozinha. Em nossa família falamos russo e suéco. No verão, falamos frequentemente o esperanto, pois todo verão participamos de eventos esperantistas. Nos últimos anos Karina também participa de nossos concertos, cantanto suas programações.
Na nossa vida artística tivemos a sorte de dar concertos em diversos eventos. Entre eles, muitos congressos universais de esperanto (UKE), congressos internacionais da juventude esperantista (IJKE), congressos nacionais, diversos festivais esperantistas e turnês na Alemanha e na França. Como artistas esperantistas, visitamos muitos países da Europa. Participamos também do congresso asiático em Seul.
Nossos planos como artistas são: cantar, cantar e cantar em esperanto e para esperantistas. Acreditamos que, dessa maneira, tornamo-nos pessoas melhores e podemos enriquecer tanto a sua como a nossa própria vida. Esperamos também, que através de nossas canções possamos melhorar o mundo... pelo menos um pouquinho. :-)
Obrigado! De coração saúdo vocês em nome de ”Ĵomart kaj Nataŝa”

***Ĵomart Amzeyev - Estocolmo - Suécia***
***Mais informações: http://www.ipernity.com/jomart***
***http://www.facebook.com/jomka***

# Esperanto kaj la revo de monda monero
# O esperanto e o sonho de uma moeda mundial






1 Spesimilo - 1 Spesimilo






1 Stelo - 1 Estrela

La Universala Ligo de Esperanto estis sekrete fondita en Hago, Nederlando, en la 14-a de Aprilo 1942, dum la nazia okupacio de la Malaltaj Landoj. La dato signis la 25-an mortan datrevenon de D-ro. Lazaro Ludoviko Zamenhof, la kreinto de la lingvo Esperanto. Estis necesa la sekreto, ĉar Esperanto estis malpermesita de la nazia doktrino, pro esti konsiderita kiel parto de la "Juda Internacieco - komunisma komploto por sklavigi la mondon".
La misio-deklaracio de la Ligo temis pri la unuiĝo de la homaro laŭ paco, pere de la uzado de komuna lingvo, Esperanto.
La nederlanda organizo atingis gravan internaciecon kaj en la sekvantaj jaroj post la dua mondmilito, pli precize en la jaro 1950, ĝi kalkulis pli da 15.000 anoj.
Dum la unua internacia renkontiĝo de la Ligo, en la 16-a de Marto 1946, en Hago, oni decidis enmeti komunan moneron kun internacie stabila valoro. La ideo pri komuna monero ne estis novaĵo; en 1912, memorfestaj moneroj estis private stampitaj nome de Universala Asocio de Esperanto kun la valoroj laŭ Speso (Mona

A Liga Universal de Esperanto foi fundada secretamente em Haia, na Holanda, em 14 de abril de 1942, durante a ocupação nazista dos Países Baixos. A data marcava o 25º aniversário da morte do Dr. Ludovic Lázaro Zamenhof, o criador da Língua Esperanto. O segredo era necessário porque o Esperanto era proibido pela doutrina nazista como sendo parte da "Internacional Judaica - um complô comunista para escravizar o mundo".
A declaração da missão da Liga tinha como tema unir a humanidade em paz, através da utilização de uma linguagem comum, o Esperanto.
A organização holandesa ganhou uma substancial internacionalidade, e nos anos seguintes após a segunda guerra mundial, mais precisamente em 1950 contava mais de 15.000 membros.
Durante a primeira reunião internacional da Liga, no dia 16 de março de 1946, em Haia, uma decisão foi tomada para introduzir uma moeda comum, com um valor internacionalmente estável. A idéia de uma moeda comum não era uma invenção; em 1912, moedas comemorativas tinham sido cunhadas privativamente em nome da Associação Universal de Esperanto com valores em Speso (Convenção Monetária In-

Internacia Konvencio, proponita en 1917 de la sviso Renê de Saussure). Bedaŭrinde, la iniciato ĉesis okaze de la unua mondmilito.

La moneroj Speso, nuntempe raraj kolektaĵoj, estis stampitaj de la svisa entrepreno "Holy Frères", kun valoroj de 1000 Spesoj (1 Spesmilo) kaj 2000 Spesoj (2 Spesmiloj). (Ekzistas citaĵoj kiuj mencias la ekzistadon de) Oni asertas ke ekzistas moneroj de aliaj valoroj, nome 10 Spesoj (Spesdeko), 100 Spesoj (Spescento) kaj 10000 Spesoj (Spesdekmiloj), kvankam tio ne estis konfirmita.

La nova monero de la Ligo estis enkondukota de la internacia ekonomio, kiel pacigo-provo. La celo estis pruvi al la mondo ke la konfliktoj kaŭzitaj de la internaciaj ekonomiaj premadoj povus esti evititaj pere de komuna monero en la mondo.

La monero nomiĝus "Stelo", ĉar la stelo estas unu el la simboloj de la esperanta movado.

La fiksita valoro estus: 1 Stelo = 1 pano el norma formo, kiu tiuepoke en Nederlando kostis 0,25 guldenojn. La slogano stampita sur la moneroj estus "Unu Mondo, Unu Lingvo, Unu Mono".

En 1946, tuj post la decido enkonduki komunan moneron, la Ligo Internacia ekpresis la premioj-kuponojn, nomitaj "Steloj", por la interna uzado, por la pago de taskoj, broŝuroj, libroj ktp. Tiuj premioj-kuponoj estis multege uzataj kiel mono ene de la esperanta movado ĝis la jardeko de 1980. (Daŭrigos en la venonta numero)

***Rafael Mattos - São Lourenço***
***Minas-Ĝerajso - Brazilo***
***Numismato***
***ramgu2005@hotmail.com***

ternacional, proposta em 1907 pelo suíço René de Saussure). Lamentavelmente, a iniciativa foi finalizada com o advento da Primeira Guerra Mundial.

As moedas Speso, hoje raros artigos de coleção, foram cunhadas pela Empresa suíça "Holy Frères", com valores de 1000 Spesos (1 Spesmilo) e 2000 Spesos (2 Spesmilos). Há alegações de existência de moedas de outros padrões de valores, ou seja, 10 Spesos (Spesdeko), 100 Spesos (Spescento) e 10000 Spesos (Spesdekmiloj) embora não tenham sido confirmadas.

A nova moeda da Liga estava para ser introduzida como uma experiência na realização da paz através da economia internacional. O objetivo era o de provar ao mundo que conflitos causados por pressões econômicas internacionais poderiam ser evitados através de uma moeda comum no mundo.

A moeda se chamaria "Stelo", que significa estrela (= Steloj plural), sendo a estrela, um dos símbolos do movimento esperantista. O valor seria fixado em 1 Estrela = 1 pão de forma padrão, que na época custava na Holanda 0,25 Florins. O slogan sobre as moedas seria "Unu Mondo, Unu Lingvo, Unu Mono" - "Um Mundo, Um Idioma, Uma Moeda".

Em 1946, logo após a decisão de introdução da moeda comum, a Liga Universal começou a imprimir cupons-prêmios (Premioj-Kuponoj) denominados "Estrelas", para uso interno, para o pagamento de atividades, folhetos, livros, etc. Estes prêmios foram amplamente usados como dinheiro dentro do movimento até a década de 1980. (Continua no próximo número)

***Rafael Mattos - São Lourenço***
***MG - Brasil***
***Numismáta***
***ramgu2005@hotmail.com***

# Kiuj estas la esperantistoj?
# Quem são os esperantistas?

Ĉien, kien mi iras, homoj demandas min: Kiuj estas esperantistoj?
Dum iom da tempo la respondo "estas homoj kiuj parolas Esperanton" estis sufiĉa, tamen iam mi haltis por pensadi, kaj filozofante pri iuj kialoj mi ekkonkludis ion.
La vorto "esperantisto" havas la sufikson 'ist' kiu signifas profesion aŭ tiun, kiu sin dediĉas al io, do esti esperantisto estas labori aŭ sindediĉi al Esperanto.
Paroli Esperanton kaj esti esperantisto ne estas la sama afero; mi konas homojn kiuj multe laboras por Esperanto sed ili ankoraŭ ne bone scipovas la lingvon; aliflanke mi konas esperantparolantojn kiuj ne laboras por Esperanto, pro tio estas maĝuste diri ke "esperantisto estas tiu, kiu parolas Esperanton". Do mi donas ideon al ĉiuj "esperantparolanto": instruu aŭ helpu tri homojn koni Esperanton. Nur tiumaniere kreskos la movado, nur kiam ĉiuj laboros kune.
Esti esperantisto estas uzi la stelitan ĉemizon, esti ĉiam kontraŭ la kritiko, batali por nia nobla idealo, kaj ne kontentiĝi kun la ekhavita afero sed ĉiam voli plu; estas uzi la ĵetitan ŝtonon de aliuloj, kiel unu plian ŝtonon de la ŝtuparo ĝis nia Fina Venko.
Tiu, kiu laboras por Esperanto kun la bono ene de la koro kaj nenion ajn volas redone, jen la veraj esperantistoj.

* Ĉi tiu opinio kaj vidpunkto apartenas al la artikulisto kaj ne spegulas la opinion de Fanzeranto.

***Guilherme Roberti - Lages - SC - Brazilo***
***Lernanto pri historio***
***guimourinha@live.it***

Por todos os lugares que ando, pessoas me perguntam: Quem são os esperantistas? Durante um tempo a resposta "são pessoas que falam esperanto" bastava, porém certa vez parei para pensar, e filosofando sobre certas questões cheguei a algumas conclusões.
A palavra "esperantista" tem o sufixo 'ist' que significa profissão, ou aquele que se dedica a algo, então ser esperantista é trabalhar, ou se dedicar ao esperanto.
Falar esperanto e ser um esperantista não é a mesma coisa; conheço pessoas que trabalham muito pelo esperanto, mas que ainda não dominam a língua; por outro lado, conheço falantes de esperanto que não trabalham por ele, logo é injusto dizer que "esperantista é aquele que fala esperanto". Então, dou uma idéia a todos os "falantes de esperanto": ensinem ou ajudem três pessoas a conhecer o esperanto. Só assim o movimento irá crescer, só quando todos trabalharem juntos.
Ser esperantista é vestir a camisa estrelada, é ir sempre contra críticas, batalhar por nosso nobre ideal e não se contentar com o que se conseguiu, mas sempre querer mais; é usar a pedra atirada por outros, como mais uma da escada até a vitória final (use: Finvenko).
Quem trabalha pelo esperanto com bondade no coração e sem nada querer em troca, estes são os verdadeiros esperantistas.

* Essa opinião e ponto de vista pertence ao articulista e não espelha a opinião do Fanzeranto.

***Guilherme Roberti - Lages - SC - Brasil***
***Estudante de história***
***guimourinha@live.it***

**Eldonaĵoj de Ĵomart kaj Nataŝa**

***Somera Mondo*** - Vinila disketo
Etikedo: Eksa sovetia gramofona studio "Melodia"
Publikiga dato: 1989
Nombro da titoloj: 4

***Folioj de mia memoro*** - Sonkasedo
Etikedo: Eldona Societo Esperanto
Publikiga dato: 1990
Nombro da titoloj: 17

***Vi kuras de vi*** - Sonkasedo
Etikedo: Edistudio
Publikiga dato: 1991
Nombro da titoloj: 13

***Samarkand'*** - Sonkasedo
Publikiga dato: 1994
Nombro da titoloj: 11

***Valso por amikoj*** - KD
Etikedo: Jomart's Studio
Publikiga dato: 1999
Nombro da titoloj: 12

***Amu min*** - KD
Etikedo: Jomart's Studio
Publikiga dato: 2003
Nombro da titoloj: 12

***ĴomArtaĵoj*** - la ruĝa albumo - KD
Etikedo: JomArt's Studio
Publikiga dato: 2009
Nombro da titoloj: 12

**Discografia de Jomart e Natasha**

***Mundo de Verão*** - Vinil
Gravadora: Ex soviético estúdio gramofonico "Melodia"
Data de lançamento: 1989
Faixas: 4

***Folhas da minha memória*** - Fita cassete
Gravadora: Editora Sociedade Esperanto
Data de lançamento: 1990
Faixas: 17

***Você corre de você*** - Fita cassete
Gravadora: Edistudio
Data de lançamento: 1991
Faixas: 13

***Samarkand'*** - Fita cassete
Data de lançamento: 1994
Faixas: 11

***Valsa para amigos*** - CD
Gravadora: Jomart's Studio
Data de lançamento: 1999
Faixas: 12

***Me ame*** - CD
Gravadora: Jomart's Studio
Data de lançamento: 2003
Faixas: 12

***ĴomArtaĵoj*** - o album vermelho - CD
Gravadora: JomArt's Studio
Data de lançamento: 2009
Faixas: 12

## Humoraĵo - Humor

***Maria Antônia Sobral - Silvianópolis - MG***

